









# itala fervojisto




ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI Sede: DOPOLAVORO FERROVIARIO BOLOGNA Via De' Poeti, 5/2 - 40124 BOLOGNA - Italia

I.F.E.A.



1990 SEPTEMBRO

Informa Bulteno

40ª JARO - N. 3 DECEMBRO

## QUOTE SOCIALI

Quote 1990, riepilogo:
A) = IFEA (per tutti) L. 13.000,
B) = FEI (ordinario) L. 25.000,
C) = FEI (giov. o fam.) L. 12.500,
D) = Circolo Culturale Gruppo Esperanto DLF Bologna L. 10.000,
E) = Idem cs, gia' iscritti ad altro gruppo culturale DLF L. 5.000,
F) = Frequentatore DLF.BO L. 5.000,
g) = Distintivi L. 2.000,
h) = Catalogo Fondo libri L. 3.000,
i) = Historio de IFEF L. 3.000,
l) = Fervoja Terminaro L. 8.500,
m) = L'E.to in Emilia-R. L. 10.000,
n) = Ĉu vi deziras kor.di? L. 1.000.

Esempi di combinazioni di quote:
- A + B = L. 38.000,
- A + C = L. 25.500,
- A + D = L. 23.000,
- A + E = L. 18.000,
- A + B + D = L. 48.000,
- A + g, ecc. (L. 13.000 + .......).

+ eventuali spese postali (per chi non ha un indirizzo FS) per le richieste g), h), i), l), m) e n).
N.B.: per un minimo di tre distintivi: invio gratuito!
Conto Corrente Postale: 19036403.
(La Kasisto)



## SPESE POSTALI

Come avrete saputo dal 1/7/1990 le spese di affrancatura hanno subito un ulteriore aumento. Per una Associazione come la nostra e' purtroppo un peso non indifferente. Fino ad ora abbiamo continuato ad inviare il Bollettino anche ai soci che erano in ritardo con i pagamenti. Cio' non sara' piu' possibile.
Per aiutarvi a ricordare la vostra posizione, guardate sull'etichetta dell'indirizzo: troverete l'anno del vostro ultimo pagamento. Se c'e' 1990, saprete che siete in pari, ma se trovate 1989 vuol dire che il 1990 deve ancora essere pagato. In tal caso fate ATTENZIONE! perche' se la vostra quota 1990 non perverra' in tempo breve all'IFEA, NON riceverete piu' i prossimi bollettini. (La Redakcio)




## DISVASTIGO DE NIA BULTENO KAJ REAGO-SIGNO AL ĜI

Tiu ĉi Bulteno ni sendas al multaj landoj en la tuta mondo, ĉefe al la IFEF-l.a. kaj iliaj estraranoj; kaj por reciproki iliajn sendaĵojn, kaj al kelkaj aliaj por stimuli starigadon de organizita movado, al diverstipaj Redakcioj, Asocioj, Radioj, Grupoj, ne esperantistaj Organizoj kaj ankaŭ al ĉiuj, kiuj, kiel interesitoj, petas tion.
Jen la nuna listo de la koncernaj landoj (interkrampe la postaj mallongigoj laŭ alfabetordo): Italio(I) (la plej multaj kopioj), Aŭstralio (AUS), Aŭstrio (A), Belgio (B), Bulgario (BG), Svisio (CH), Ĉeĥoslovakio (CS), Germanio (D-W/O), Danlando (DK), Hispanio (E), Francio(F), Britio (GB), Hungario (H), Japanio (J), Norvegio (N), Nederlando (NL), Nov-Zelando (NZ), Portugalio (P), Pollando (PL), Rumanio (RO), Suda Koreio (RKO), Respubliko Sankta Marino (RSM), Svedio (S), Vatikana Urbo Stato (SCV), Finnlando (SF), Soveta Unio (SU), Ĉinio (TJ), Usono (USA), Jugoslavio (YU), kaj fojfoje ankaŭ al aliaj landoj.

Sed nun ATENTU! ATENTU! Ni bezonas ion de vi ricevantoj, kiu forprenos nur kelkminutan tempoperdon. Cele al organizo de ekspozicio, ni deziras ricevi reago-signon de vi ĉiuj. Do, ni petas vin sendi karton, prefere bildkarton, kun via nomo (persona aŭ societa aŭ redakcia), adreso kaj simplaj salutvortoj.

Anticipe dankante, ni aldonas nian adreson:

IFEA (Itala Ferv. Esperanto-Asocio)
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio)

## NOVAĴOJ PRI LA 43A IFK EN ĈEĤOSLOVAKIO

Pro kaŭzoj ne ligitaj al esperantistoj la loko en kiu oni devus okazigi la venonta 43a IFK ne plu estos Brno sed OLOMOUC.

Tio tute ne devos influi malbonefike al via emo partopreni en ĝi.

Kiu jam sendis aliĝilon pri Brno bone faris, ĉar tiu ja validas.

Se, ĝis nun, ankoraŭ vi ne aliĝis, faru tion uzante la lastan folion de IF 6/1990, aŭ ĝian fotokopion, bone atentante la indikojn sur la paĝo 83a.

Jese decidu kaj sendu ĝin baldaŭ.

(La redakcio)



## L'ESPERANTO NELLA FISAIC

La notizia e' di quelle importanti Dopo anni di costanti tentativi, un organismo internazionale a noi vicino: la FISAIC (cioe' la Federazione internazionale dei Dopolavoro Ferroviari) ha deciso di usare l'ESPERANTO come lingua di lavoro.

Durante l'Assemblea generale di Berchtesgarden (D) nei giorni 6 e 7 ottobre 1990, il francese Wallerand ha presentato una proposta per l'uso ufficiale dell'Esperanto.

All'unanimita' l'Assemblea generale l'ha approvata, decidendo di cominciarne l'utilizzo nei documenti scritti; per cui il verbale della seduta in questione e' stato redatto subito in Esperanto.

Nella stessa seduta si e' deciso di stanziare un discreto finanziamento per favorire la partecipazione di rappresentanti dei paesi dell'ex area socialista dell'Europa orientale alle celebrazioni del 40' anniversario della fondazione della FISAIC (1952-1992), che si terranno in Germania.

La FISAIC ha riconosciuto infatti che praticamente solo per mezzo dei ferrovieri parlanti l'Esperanto sono stati possibili i contatti e le adesioni di alcune Sezioni di quei paesi nella FISAIC durante questi ultimi anni.

Congratulazioni alla FISAIC, che ne trarra' grande beneficio, e grazie infinite ai coraggiosi colleghi di diversi paesi che per lunghi anni hanno operato mostrando con i fatti l'efficacia, la neutralita' e l'utilita' della Lingua Internazionale Esperanto.

Romano BOLOGNESI

## RAPORTO PRI LA 75a UK EN HAVANO

De kolego amiko Walter ULLMANN el Fridberg (D) mi ricevis raporton pri lia partopreno en la Kuba-UK. Ĝi estas tre detala kaj interesa.

Cele stimuli italajn kolegojn par-

topreni en pli vastaj aranĝoj, kun la permeso de la verkisto, ni publikigas ĝin. (RoBo)

---

Antauparolo: la kongresejo, iom je la rando de Havano, estis taŭga sed la hoteloj estis tre malproksimaj de ĝi. Estis ĉiam matene malakurataj aŭtobusoj de la vojaĝservo al la kongresejo kaj vespere reen, je aliaj tempoj. Preskaŭ nur eblis uzi taksion kontraŭ 5 US$. Urbaj aŭtobusoj ne de la hotelo, kvankam oftaj, ĉiam plenplenaj, sed ne rekte al la kongreso, nur proksimece, tamen ege malmultekostaj. En la kongresejo memserva restoracio por tagkaj vespermanĝoj kaj alia restoracio per fiksa prezo (10 US$). La monunuo estas la kuba peso, sed turistoj uzas preskaŭ nur US$, Sed por la urbaj trafikiloj kaj manĝado en la urbo, aŭ aĉeto de poŝtmarkoj en vendejo en la poŝta muzeo, eblas nur per pesoj. Normalaj kubanoj kutime ne prenas dolarojn, ĉar ili ne rajtas. Por orientuloj ekzistas specialaj certifikatoj. La temperaturo estis inter 30 kaj 40 gradoj C.; granda humideco. Porturistaj aŭtobusoj havas klimatizadon, enurbaj trafikiloj ne. Unufoje pluvegis. Estis la plej varma sezono. Karnavalo: daŭras multaj tagoj. Ĉiuvespere estis procesioj kun altaj ĉaroj ornamitaj kun multaj lumoj kaj sur ili gedancistoj, ofte nur kun tre ekonomiaj kostumoj. Dancado surstrata kaj en specialaj ejoj. Vendo de speciala biero en paperujo. Laŭta muziko - multfoje lambado - ĝis 3h nokte.

Rezultoj de la kongreso: kiel novaj landaj asocioj estis agnoskitaj Estonio kaj Ukrainio. Kiel nova faka asocio aligis ILEI (Internacia Ligo de Esperantistoj Instruistoj). Unuafoje okazis "Tago de la Libro".

Sabato 14.07.90: Aviadile el Koln 8.54h; alveno en Havano 18h (loka tempo; +6 horoj), enloĝigo en Hotelo "Riviera"; aŭtobuse al kongresejo; interkona vespero ĝis 23h.

Dimanĉo 15.07: Inaŭguro de la UK kun ĉeesto de Fidel Castro; prelego pri Kubo: kurso "Hispana ekspres"; vespere "Nacia Vespero" en teatro "Karl Marx".

Lundo 16.07: Ĝenerala kunsido, 1a parto; kunveno "Eŭropa Esperanto-Centro"; reen al la hotelo; en urba poŝta muzeo por speciala stampo; taksie al kongresejo; bankedo kaj balo ĝis 23h.

Mardo 17.07: Aŭtobuse al ekskurso "Kooperativo Los Narajos"; renkontiĝo pri turismo; IFEF-kunveno; vespere "Surakva baleto" en naĝejo de hotelo Riviera.

Merkredo 18.07: Aŭtobusa tuttaga ekskurso al Soroa: vizito en ĝardeno kun orkideoj kaj aliaj tropikaj plantoj, poste rigardo de akvofalo kaj tagmanĝo en restoracio, banado en ties naĝejo; reveturo al kongresejo; tie teatreto "Amo per proverboj".

Ĵaŭdo 19.07: Aŭtobuse al cigarfabriko en Havano; renkontiĝo "UEA pri kongresoj"; renkontiĝo "Kongresa temo"; aŭtobuse al urba teatro por rigardi: "Mi ne plu konas vin" de "Bulgara Esperanto-Teatro"; reen al hotelo per sola marŝado.

Vendredo 20.07: Ĝenerala kunsido, 2a parto; renkontiĝo de poŝtmarkaj kolektantoj; renkontiĝo pri postkongresoj (azarda informo: planita kaj pagita postkongreso Varadero ne okazos pro manko de partoprenantoj, do ŝanĝo al Hanabanilla); kurso "Hispana ekspres"; aŭtobuse al teatro Karl Marx por internacia vespero; piedmarŝo al hotelo.

Sabato 21.07: Kongres-fermo; aŭtobuse al hotelo; ekveturo al Hanabanilla; paŭzo en Santa Klara; vizito de munumento pri Che Guevara kaj subĉiela muzeo fervoja kun vagonoj, kiuj servis en 1958 por transporto de municioj por la revolicia armeo; alveno 20h en hotelo Hanabanilla (meze de Kubo); vepsermanĝo; promenado al lago.

Dimanĉo 21.07: 10h ekskurso per boato sur la lago; restado ĉe akvofalo por bani, tagmanĝo ĉe la lago; vizito de la bieno, kie estas nigraj porkoj; banado en naĝejo hotela; vespere dancado ĉirkaŭ la naĝejo.

Lundo 23.07: Aŭtobuse al urbo Trinidad (kroma veturo kontraŭ ekstra pago); urba vizito; tagmanĝo tie; reveturo al Havano tra Cienfuegos; alveno en hotelo Riviera; fino de la postkongreso; karnavalo surstra-

te.

Mardo 24.07: Aŭtobuse al la ĉefstacio; tagmanĝo tie; vizito de stacio kun kuba kolegino, de Placo de Revolucio, en (denove) poŝta muzeo; naĝejo hotela; vespere aŭtobuse al kabaredo "Tropikana" ĝis 1h.

Merkredo 25.07: Promenado tra Havano, trapasante teatron Karl Marx, hotelon Triton, strandon, merkaton por diplomatoj, sovetan kaj germanan ambasadejojn; naĝejo hotela; vespere karnavalo.

Ĵaŭdo 26.06: (nacia festotago) Naĝejo hotela; 17h en placo de Revolucio parolado de Fidel Castro (daŭris 3 horoj, mi restis dum 2); vespere karnavalo).

Vendredo 27.07: Urba promenado; naĝejo; taksia ekveturo 15h; ekflugo al Eŭropo 18h.

Sabato 28.07: Alveno en Koln 9.35h (loka tempo; -6 horoj).

Sume: du semajnoj kun interesaj travivaĵoj. (Walter ULLMANN)

=================================

## VIZITO DE RUMANA DELEGACIO

Merkrede, la 4an de decembro 1990, vizitis la urbon Bologna rumana delegacio sub la gvido de s-ro Mihai ŜTEFAN. Kun li estis lia filo Constantin kaj la kolego Cornel ĴANTEA. La tri vizitantoj venis en nian sidejon, kie ĉeestis mi kaj Germano Gimelli, kaj de tie, post rapida kaj facila interkonatiĝo kaj amikiĝo, ni sukcesis trovi por ili kontentigan loĝadon. Poste ni ĉiuj rapide vizitis la urbocentron: la malnova sidejo de la Bologna-universitato, "Archiginnasio", kie nun lokas fama komunuma biblioteko, kiu multe impresis ilin, la basiliko de Sankta "Petronio", Plejgranda Placo kun la multaj mezepokaj monumentoj, kun interalie la repurigita fontano de la "Giganto", Dio Neptuno, la Du Turoj, de la komenco de la dekdua jarcento, la universitata kvartalo, kun multaj sidejoj de la diversaj fakoj, la komunuma teatro, ktp.

Post vespermanĝo en la fervojista restoracio, gaja kunestado en la hejmo de nia prezidanto finis la vesperon.

Ĵaŭde matene vizito en la ĉirkaŭaĵoj de la stacidomo de belaj ĝardenoj kun grandiozaj platan-arboj kaj spektakla vidaĵo al la ĉiellinio de la malnova urbo, kiu prezentas multajn turojn kaj sonorilejojn, kompletigas la rigardon.

Sed ĉefe gravaj estis la multaj interparoloj, kiujn tiu vizito permesis realigi.

Por la unua fojo ni havis rumanajn gastojn kaj ili longe parolis pri la maleblecoj pasintaj kaj pri la lastaj eventoj en sia lando.

Precipe grava estis la ĵusa refondo de Fervojista Sekcio de Rumana Esperanto-Asocio. Tio okazis danke ankaŭ al la ĉeesto de nia Honora Prezidanto Joachim GIESSNER flanke de IFEF kaj de la Sekretario de Hungara Landa Asocio János PATAY.

En Sinaia (proksime de Brasov) la 10an kaj la 11an de novembro 1990 ĉ. 20 delegitoj, el proksimume 200 membroj, kiuj jam estas organizitaj en la urboj Brasov, Bucaresti, Constanta, Arad, Ploest, kaj Cluj, refondis la Asocion kaj elektis naŭmembran estraron, kiu estas:

Pr: S-ro Dorin PACIOGLU, Str. Harmanului, 15 A, Sc. B-6, RO-2200 BRASOV, Tel. (921)26-279;

Vp: S-ro Mihai ŜTEFAN, Str. Mircea Cel Batrin, 39, Bl.39, Ap.26, RO-2200 BRASOV, Tel. (921)64-646;

Sk: S-ro Konstantin MARCU, Str. Zizinului, 65, Bl.L.11, RO-2200 BRASOV, Tel. (921)83-314;

Ks: S-ino Adina MOISE, Aleea Iasomiel, 1, Bl.L.11, Sc.C, Ap.60, Tomis 3, RO-8700 CONSTANTA, Tel. (916)53-395;

Estraranoj: Andrei DIMITRU, Grigore VALEA, Teofil VANK, Aurel DEDU kaj BANDICI.

La kunsido decidis sendi aliĝpeton



al IFEF, efike de 01.01.1991 por la akcepto dum la Olomouc-IFK.

Niaj gastoj deklaris sin tre interesitaj pri niaj organizaj trajtoj kaj metodoj labori. Ili multe demandis pri diversaj temoj, por akiri spertojn kaj ricevi ideojn por eventuala aplikado en sia lando.

Ni ankaŭ ricevis kaj interŝanĝis invitojn pri vizitoj reciprokaj en Rumanio kaj Italio de niaj reprezentantoj kaj de fervojistoj.

Grandan ĝojon donis al ni la vizito de niaj kolegoj, kaj espereble, ke en la estonteco ni povos travivi belajn interamikajn spertojn kaj kontribui al pli firma homa kaj paca kunvivado.

Romano BOLOGNESI

## NI RICEVIS DANKOJN PRO LA BULTENO

Alvenis dankoj pro la sendo de nia bulteno kaj ankaŭ komplimentoj. Ni redankas al ĉiuj.

Rudolf BURMEISTER (Chemnitz D-O), Ervin FENYVESI (H), Jindrich TOMISEK (CS), Jirina JONASSON (S).




## FERVOJISTOJ, PIONIROJ DE ESPERANTO EN ITALIO

En la nova sidejo de nia Esperanto-Grupo de Fervojistoj ni lokigis la Esperanto-fonduson de la fama urba Biblioteko "Archiginnasio" de Bologna, kiun la Biblioteko mem donis al ni per longdaŭra uz-prunta kontrakto.

La sekretario de la Grupo, d-ro Lanfranco BONORA, funkciulo de la Biblioteko, kiu jam verkis katalogon pri tiu tuta kolekto, direktis la translokigon de la libraro kaj, kiel spertulo pri librokolektado, promesis helpi nin en la listigo kaj ordigo de niaj klubaj libroj.

Tiuj ĉi verkoj estis akiritaj dum la lastaj dudek kvin jaroj, ĉar depost la malapero de adv. Raffaele BAGNULO, kiu estis la ĉefa aganto por la provizado de libroj al la fonduso (kaj ĉiam tre proksima al la fervojista movado; li estis ankaŭ Honora prezidanto dei IFEA) neniu plu havis la eblecon havigi al ĝi regulan provizadon.

Ĝuste dum la reordigo de kelkaj libroj mi trovis 36-paĝan broŝuron (Romo, 1980, formato 24,5x17 cm) verkitan de Elio MIGLIORINI titolitan: "I pionieri dell'Esperanto in Italia" (Pioniroj de Esperanto en Italio). En ĝi la aŭtoro, tiam 80-jaraĝa, alfabetvice prezentas 113 jam forpasintajn geesperantistojn, italojn aŭ loĝantajn en Italio.

Kun granda intereso mi havis la plezuron rimarki, ke inter ili multaj estis fervojistoj. Nia profesia kategorio ĉiam estis avangarda, kaj ni devas esti fieraj ankaŭ nuntempe pro la efiko de sia laboro kaj pro la daŭraj sukcesaj atingoj: kapableco organizi kongresojn, konferencojn, fakprelegojn, eldoni vortarojn, reglamentojn, propagandan materialon, ktp.

Ni listigas ĉi tie la dek du nomojn (do pli ol 10% de la tuto) de "niaj" pioniroj en Italio, krom alia, laŭ mi, menciinda kolego.

Albert GALLOIS (Bayeux 1853-1937), konpetenta konstruanto de fervojaj retoj en Afriko, Kanado kaj alie.

Esperantisto ekde 1902, la provenca grafo edziĝis al italino eklogante en Rio Lunato (provinco Modena) kie fondis Esperanto-grupon (eble la unua en Italio). Li helpis en la fondo de la "Itala societo por la propagando de E." kaj en la eldonado en Torino de la revuo "L'Esperantista". Li tradukis en la italan du gramatikojn de Th. CART (1903-1904) kaj "Fundamento de E. de Zamenhof", ĉi lasta kune kun Rosa JUNCK.

Amerigo Luigi RENI (Milano 1880 - Verona 1957), vicdirektoro de la fervojoj kaj tramvojoj en la provinco de Verona. E-isto ekde 1907 fondis la Verona-Grupon (1911), regis multajn kursojn kaj ĉefe aktivis en la katolika medio kiel sekretario de UECI (1943-57). Li estis administra direktoro de IEF kaj kunlaboris per tradukaĵoj, noveloj, artikoloj kaj al la revuo "L'Esperanto" de PAOLET. Li tradukis "La ĉaso al la diablo" kaj la "Laborkarto".

Raffaele TANCREDI (San Mauro in Lamis 1878 - Napoli 1955), fervoja inĝeniero. Li esperantiĝis en 1909, kiam li blindiĝis kaj doktoriĝis pri leteraturo kaj filozofio, kiun li intruis en Savona. Li organizis la blindulan movadon kaj zorgis vortaron itala-E. en "braille".

Ermanno FILIPPI (Roma 1886-1963), agema fervojisto. E-isto ekde 1906, li regis multegajn kursojn ankaŭ ĉe "Radio Roma" (1925). Li multe agadis en la fervojista movado kaj multe tradukis por la revuo "L'Esperantista". El la franca li tradukis (1922) la tekston de la Sekretariejo de Societo de Nacioj "Esperanto kiel helpa lingvo internacia".

Aleviano BISETTI (1887 - 1955), tre aktiva fervojisto. E-isto ekde 1918 li organizis multajn kursojn ĉe DLF en Torino, kie li havis inter la gelernantoj Giorgio CANUTO. Li partoprenis en multaj internaciaj kongresoj.

Ascenzio BLASIMME (Roma 1901-1971) fervojisto. E-isto ekde 1926 li elsendis en E. de Radio Romo de 22.03.1935 ĝis la fino de 1956 (escepte de la militaj jaroj).

Franco RAMOLFO (Torino 1888- 1968) aktiva propagandema fervojisto en Torino, kie li fondis fervojistan grupon en la jaro 1918. Li estis UEA-delegito kaj dum kelka tempo prezidanto de la Torino-Grupo kaj de IFEA (fondita en 1922).

Carlo BORIONE, fervojisto en Torino, kie post la dua mondmilito reviglígis la E.-movadon. Dum longaj jaroj li praktike gvidis kiel sekretario de IEF la tutan italan esperantistan movadon.

Giuseppe KOCH, altranga funkciulo de FS (Italaj Stataj Fervojoj) en Bari kaj Napoli. Li estis tre aktiva en la fervojista movado por la agnosko de nia Asocio ĉe FS. Li estis prezidanto de IEF (1923).

Otello NANNI (Bologna 1892- 1965), altranga funkciulo, inĝeniero de FS en Bologna. E-isto ekde 1909, kunfondinto de la E.-grupo, li longe estis UEA-delegito kaj tre aktiva en la instruado kaj propagandado. Li aktivis en la IIE (Itala Instituto de E.).

Giuseppe ZACCONI (Bologna 1893 - 1964), direktoro de la profesia lernejo de FS en Bologna, kie li gvidis multajn kursojn. Prezidanto de la E.-Grupo "A. Tellini" en Bologna kaj de IFEA ĝis la morto, li organizis en 1952 la kongreson "Pro Esperanto" (24an Italan Kongreson) kaj la 40an jubilean UEA-UK en 1955.

Michele SOLIMENA, fervojisto, tre



aktiva propagandisto en Napoli.
Laŭ mi estas menciinda ankaŭ alia kolego:
Ottavio LA MURA, fervojisto en Bologna kaj laste en Forli', kie li fondis la E.-Grupon. Li estis agema propagandisto.

---

Ĉirkaŭ la personaj notoj pri iuj menciitaj homoj oni aldonis kelkajn klarigojn kaj ni estos treege dankaj al ĉiuj, kiuj povos doni nin aliajn informojn (naskiĝ- kaj mortjaron, aliajn datumojn pri la vivo, profesio, verkoj, ktp).
Same bonvolu provizi nin per iujn nomoj de aliaj kolegoj pioniroj se ne menciitaj de ni.

Germano GIMELLI

---



**Ĝojplenan Kristnaskon**
**kaj**
**prosperan Novan Jaron**

---

** P O E M O J PRI FERVOJO **

De Pablo NERUDA, poeto kaj politikisto ĉilia, ni jam skribis kaj publikigis la poemon "Songô de trajnoj" en nia IFIB n. 3/88. Mi konsilas bonvole relegi ĝin.
Ĉi foje la poemo estas eĉ pli sugesta kaj imagiva, pentranta per aŭdacaj, belegaj bildoj la sovaĝan naturon, sed ne mankas la prezenco de la homo.
Tamen la ĉefa rolanto estas ĝuste la trajno, kiu estas sentita kiel vivanta estaĵo kaj reprezentita metafore per diversaj formoj.
Freŝaj figuroj, vigla ritmo, larĝa kaj ĝoja spiro de la versoj, granda kapablo sukcesi vivigi ĉion, kiun la poeto vidas, estas la ĉafaj trajtoj de la verko, vere ĝuiinda.

---

** ODO AL LA SUDAJ TRAJNOJ *

Trajnoj de la sudo, malgrandaj
inter la vulkanoj,
kiuj defiligas
vagonojn
sur relo j
banitaj
de viviva pluvo,
inter montoj
krispaj
kaj obsedvico
de brulitaj fostoj.

Ho, terlimo
de fluadantaj arbaroj,
de grandegaj felikoj, de akvo,
de altaj pintoj!
Ho, teritorio
freŝa
de nelonge elirinta el lago,
el rivero,
el maro aŭ el pluvo
kun banita hararo,
kun zono plenplena
de lianoj miregaj,
kaj tiam
meze
de vegetaĵoj,
en la strio
de la multobligita foliaro,

disperdita plumtufo,
vaporsigno
de fuĝanta lokomotivo
kun trajno, kiu kuntrenas
iajn aĵojn,
tra premiga soleno
de la naturo,
kiu lanĉas
krion
de maltrankvilo,
de fumo,
kiel ektremo
en la peizaĝo.

Tiel, de iliaj ondoj,
kampoj de tritiko
paroladas
kun la efemera trajno
kiel ĝi estus
ombro, akvofalo aŭ birdo
de tiuj latitudoj,
kaj la trajno
ĝian trembrilon
de arda karbo
disdonas
per obskura
malico
de diablo
kaj marŝas,
marŝas,
marŝas,
superrampas la altan viadukton
de la rivero Malleco (Maljeko)
kiel ĝi grimpus
sur gitaron
kaj kantas
en la altutudoj
de la lazura ekvilibro
de la ferminejo,
fajfas la vibranta trajno
de la fino de l'mondo,
kiel se ĝi
salutus ĉiujn
kaj ĝi irus fali,
kien
ĉesas
la tera spaco,
kiel ĝi volus defali
inter la ekstremajn insulojn de la oceano.

Mi venas kun vi,
trajno, timema
trajno
de la landlimo:
mi iras al Renaico (Renajko),
atendu min,
mi devas aĉeti lanon en Collipulli (Koljipulji),
atendu min, kiu devas
elveturi en Quepe (Kepe),
en Loncoche (Lonkoĉe), en Osorno,
kunporti piniojn, tolojn
jus teksitajn,
kun odoro de ŝaf' kaj de pluvo...
Kuru
trajno, raŭpo, murmuro,
besteto longituda,
tra la folioj
malvarmaj
kaj la aromplena tero,
kuru
kun silentemaj
homoj kun nigra mantelo,
kun selo kaj jungilaroj,
kun silentaj sakoj
de terpomoj de la insuloj,
kun lignaĵoj
el la ruĝa lariko,
el la bonodora koigŭo,
el la kverko miljara.

Ho, trajno
esploristo
de solecoj,
kiam vi revenas
en la deponejo de Santiago,
al la abelujoj
de l'homo kaj al lia plektita povo
eble vi dormas
dum unu malgaja nokto
sonĝon sen parfumo,
sen neĝo, sen radikoj,
sen insuloj atendantaj pluvon,
senmova
inter anonimaj vagonoj. ./.

**********************************************************************



Sed mi
meze de oceano
de trajnoj,
en la ĉielo
de la lokomotivoj
mi rekonus vin
pro ia aspekto
de foreco,
pro viaj radoj
banitaj tie, fore,
kaj pro via trapikita
koro, kiu konas
la nepriskriveblan, sovaĝan,
pluvan,
lazuran bonodoron!

(De itala versio esperantigis RoBo)

---

Mi ĉiam estas serĉanta poemojn pri la fervojo. Se niaj legantoj konas aŭ havas okazon trovi tiajn verkojn, bonvolu sendi kopion al mi aŭ skribi kie mi povas atingi ilin.
Koran dankon. Romano Bolognesi

BUONE FESTE



## ITALAJ POPOLDIROJ

### DIVERSREGIONAJ PROVERBOJ

"Tri aferoj estas malfacilaj: silentigi virinojn, kurigi gemaljunulojn kaj teni firme geknabojn".
(Lombardia proverbo)

"Malgajas kiu havas nenion, sed pli multe kiu havas neniun".
(Abruza proverbo)

"Ne fermu la buŝon al kiu amas vin"
(Sardinia proverbo)

"Neniu ripozo estas pli konforta ol en sia hejmo". (Sardinia proverbo)

"Lango estas senosta, sed ĝi povas multe vundi". (Piemonta proverbo)

"Kiu serĉas amikojn sen malvirtoj, ne havas amikojn" (Emilia proverbo)

(Elitaligis RoBo)

---

### BOLONJAJ PROVERBOJ

"Komercistoj renkontiĝas ĉe foiro".

"Kiu kantas ĉetable aŭ enlite, perfekte frenezas".

"Antaŭ mulo, malantaŭ pafilo, for de frenezulo".

"Oni rimedas je ĉio, krom la morto"

"Manĝu kiel sanulo, trinku kiel malsanulo".

"Muŝo piedfrapas, kiel ĝi kapablas"

"Se frenezulo ĵetas stonon enputen, necesas cent saĝuloj por ĝin elpreni".

(Elbolonjigis RoBo)

*********************

## FAMAJ DEVIZOJ EL FAMULOJ

"Multmombraj homoj ne laciĝas serĉante verecon, sed ili tuj haltas ĉe la unua opinio". (Tucidido)

"Vantulo ĝojas parolante pri si, bone aŭ malbone; modestulo eĉ ne mencias sin". (La Bruyere)

"Estas io ridinda en la emocioj de tiuj, kiujn oni ne plu amas". (Oscar Wilde)

"Pigreco malfaciligas ĉion, vigleco ĝin favoras". (B. Franklin)

"Ŝtono estas tre malmola kaj ondo molega, sed fine ondo ĝin rompas". (Ovidio)

(Elitaligis RoBo)

## KORESPONDI DEZIRAS

Jen la adresoj de kvar kolegoj el Cehoslovakio, kiuj d.k. kun italoj:

Libor MIKOLAS, 34j. lokomotivestro,
c.50 Frydela-Mistek
CS-739 52 VIJKOVICE

Ivan POTISKA, 38j. fervojisto,
Mlynsky Prikop 1787
CS-753 01 HRANICE NA MAROVE

Miroslav SEVERA, 50j trajnestro,
Lukostrelecka 2188
CS-470 01 CESKA LIPA

Emil FALTYNEK,
Skolska 321
CS-503 02 PREDMERICE

Kun italinoj, d.k. pri sporto, kolektado de p.m., b.k., ktp 13jaraĝa lernanto
Maksim FJODOROV
P/K - 20703 (postkesto)
SU-660017 KRASNOJARRSK (USSR)

Multaj diversagaj gesamideanoj el Rumanio ŝatas korespondi en ĉiuj landoj, pri ĉiuj temoj. Eĉ kompleta klaso, kies instruisto estas
s-ro Vasile ALBU
Strato Eroilor 9
RU 2400 SIBIU (Rumanio)

35jaraĝa lokomotivisto ŝatus korespondi kun okcidentaj kolegoj precipe pri sendanĝereco en laboro. Aliaj hobioj estas fiŝokado, biciklado, fotografado kaj turismo.
S-ro Miroslaw ILKOWSKI
Strato W-wskie Przed. 9B m. 46
PL 99-300 KUTNO (Pollando)

Esperanto-simpatianto 47-jaraga, divorcita, kun bona okupo, d.k., komence itale, kun europaj samaĝulinoj, edziĝcele. Interŝanĝados fotoj, vizitoj, informojn, klarigoj, ktp.
S-ro Paolo PASTORE
Via Panoramica, 25
I 40033 CASALECCHIO DI RENO BO
(Italio)

Diversaĝaj gekomencantoj de kurso d.k. kun la tuta mondo pri ĉiuj temoj. Skribu:
Gruppo Esperanto D.L.F. Bologna
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio)



## FERVOJISTAJ ESPERANTO-ARANĜOJ

Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto Asocio organizis sian 24an Konferencon.
Datoj: 28-30.09.1990.
Loko: Stare Splavy ĉe Lago (Machovo Jezero).
Programo: Konferenco, video projekcioj, pied-, bus- kaj ŝip- ekskursoj, kultura vespero kun muziko kaj dancoj.

---

Internacia Fervojista Esperanto-Renkontiĝo (IFER) okazis en Spa (B) de la 1.10 ĝis la 7.10.1990 fare de B, D, F, GB kaj NL Landaj Asocioj, anstataŭ de lokaj jarkunvenoj. La tre grava aranĝo enhavis kulturajn prezentaĵojn, balon, ekskursojn kaj fakajn erojn.
Ĉeestis multnombraj partoprenantoj kaj ĉio okazis en la plej bona ordo kaj kun plena kontentiĝo de la pli ol cent ĉeestantoj.

## 32a I.F.E.S. (INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO)

La 32a Internacia Fervojista Esperanto-Skisemajno (I.F.E.S.) avra' luogo dal 2 al 9 febbraio 1991, a Les Contamines-Montjoie - F 74170 SAINT-GERVAIS-LES-BAINS (Francia).
L'Hotel "Le Bonhomme" ha 60 posti, Tel. (33) 50470187.
Les Contamines-Montjoie e' a Sud--Ovest del Monte Bianco, fra Megeve e Chamonix, alla fine della valle Montjoie, a 1164 m di altezza.
- Quota di adesione: 500FF (110.000 Lire c.) da versare in anticipo sul c/c/p/ di: S-ino Claude DUGUE, 8bis Avenue du General Leclerc, F 91580 ETRECHY n. PARIS 16 091 62 V. con l'indicazione "IFES 91".
- Soggiorno: 1/2 pens.ne (colazione self-service al mattino e cena abbondante) per 7 giorni in camere a 2 letti FF 1.500 (c. L. 330.000).
- Programma: vario, con concorsi di sci alpino e di fondo con assistenza di maestri, camminata, lingua Esperanto, combinata sci/lingua; allegri trattenimenti serali.
- Scheda di adesione (aliĝilo): richiederla alla Segreteria o direttamente all'indirizzo:

S-ino C l a u d e D U G U E
8 bis Avenue du General Leclerc
F 91580 ETRECHY (Francio),

a cui occorre inviarla piu' presto possibile prima del 30.9. 1990.
- Trasporto: vi si accede, in treno fino a ST-GERVAIS LE FAYET e poi in autobus (12km), o direttamente da Ginevra (60 km).

PARTECIPATE
PARTOPRENU
PARTECIPATE

La Segreteria

## N I C E R B U M A S

LA MANKANTAJ VORTOJ



| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | |

Jen bildo kun kadretoj, en kiu vi skribu la komencliterojn de la vortoj, kiuj mankas (...) en la proverboj.
Se la solvoj taŭgos, tiuj literoj formos la nomon de la urbo kie estas la desegnita konstruaĵo.

1. Kiam piro maturas, ĝi ... .
2. Ne ĉio, kiu brilas ... oro.
3. Supo ... fumodoras.
4. Komercistoj ... ĉe foiro.

5. Ĉiu bufino ... sian bufidon.
6. Oni ... je ĉio, krom la morto.
7. Diablo forpelas ... .

---

LA EGALAĴOJ

= 76

=

=

=

Al kiuj numeroj egalas la kvar desegnoj, se la unua sumo egalas 76 kaj la aliaj tiom, kiom sur la bildo?

---

Inter kiuj sendos (ja sufiĉas bildkarton) la korektajn solvojn oni lotumos premiojn.

---

Solvoj de la ludoj aperintaj en la numero 2/90.

- La mankantaj vortoj:
Povo, Atendu, Rapide, Mono, Amiko = PARMA.
- La egalaĵoj:

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10 | + | 3 | + | 13 | + | 23 | = | 49 |
| 10 | + | 3 | | | | | = | 13 |
| 10 | + | 13 | | | | | = | 23 |
| 3 | + | 23 | | | | | = | 26 |

Ĉi foje neniu gajnis premion.

## REDAKTORA INFORMO

Se vi deziras helpi en la eldonadon de tiu ĉi bulteno, ni volonte akceptas viajn fervojistajn kaj esperantistajn verkojn, adresojn de korespondemuloj, praktikajn sugestojn, mon- kaj aliaspecajn rimedojn. Dankon.

---

Kun granda ĝojo ni konstatis, ke niaj anoncetoj "Deziras korespondi" ofte efikas por trovi plumamikon.

Do, estas bona afero doni nian malgrandan kontribuon, daŭrigante sur ĉi tiu vojo por havigi al kiuj eble plej multaj bonvolemuloj eblecon kontaktiĝi kaj interamikiĝi pere de nia kara, pacema Esperanto.

(La Redakcio)

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Nia franca kolego George JOLY, kiu lastatempe prenis la taskon de la Fervoja Koresponda Servo (FKS), devis rezigni pri tio. Sed jen bela novaĵo: nia Pr Germano GIMELLI sinproponis por tiu tasko kaj tre volonte la Komitato de IFEF en Hamar



akceptis tion. Jen lia adreso:

Kav. Germano GIMELLI
Via D. Creti 61
I-40128 BOLOGNA (Italio)

## ++ NEKROLOGOJ ++

La 4an de oktobro 1990, post longa kaj suferiga malsano ĉesis vivi nia kara amiko samideano

Vitaliano LAMBERTI.

Li naskiĝis la 11.07.1923 en Genovo. Li fariĝis elektroteknika inĝeniero kaj longe servis en la mara armeo, tiel ke li devis loĝi en diversaj urboj.

Homo vigla, aktiva kaj vojaĝema li havis multajn ŝatokupojn: ĉefis certe ŝakludado, en kiu li atingis bonegan nacian nivelon, kaj pere de kiu li ekkonis Esperanton.

Vizitanto de multaj kongresoj, en Italio kaj eksterlande, ĝis kiam li povis, neniam li ĉesis partopreni en manifestacioj kaj kunvenoj, kaj ni ofte havis lin en Bolonjo, urbo, laŭ liadiro, preskaŭ dua naskiĝloko.

Li estis edziĝinta kun samideanino el Giulianova Spiaggia (TE) kie dum la lastaj jaroj li loĝis.

Li vartis multajn kulturajn interesojn kun granda mensa kapablo kaj kun profunda scio. Verkisto istinkta, li bone sukcesis atingante premiojn kaj menciojn. Oni agnoskis lian laboron per la "Premio Ancona 1984", pro la romano "Processo in Catanzaro", parte tradukita ankaŭ en Esperanto, kaj per la "Honora Mencio" en la "Premio M. Kolbe" en la libro "Il Cantavita 1989" pro la rakonto "Il ragazzo e il treno". Post nelonge oni eldonos "Il Cantavita '90" en kiu aperos lian poemon en Esperanto titolita "Espero", en la speciala Esperanto-sekcio.

Alia lia verko: "Viaggio a Medjugorje", estas rakonto pri pilgrima veturado al Jugoslavio. Sed la plej atendita lia verko estas tiu aperonta ĉe la eldonejo Mursia: "L. L. Zamenhof, una voce per l'Europa", verko biografia pri nia Majstro, longe tralaborita ankaŭ, kaj ĉefe, kun celo propaganda. Lasta laboro en preparo estis verko pri Sankta Johano Baptisto.

Li estis homo respektema kaj bonkora. Ĉiuj satis lin pro lia afablaj kaj imitindaj faroj.

Membro de IFEA ekde diversaj jaroj, li lasas nin ĉiujn malgajaj kaj en granda doloro. Ni IFEA-anoj, kun granda ĉagreno, estas proksimaj al la edzino s-ino Silvana kaj al ĉiuj familianoj.

Dankon, amiko. Ke vi ripozu pace.

Romano BOLOGNESI



Viadukto sur la rivero "Paglia"
(tre rekta ferlinio Florenco-Romo)




SENVORTE
TRINKU AKVON "FREŜA"




"Ĉu proksime vi vidis aliajn fraŭlinojn?"




ĈU ANSTATAŬI LA SEKRETARIINON PER KOMPUTILO? NE, NE, PRI TIUJ ĈI AFEROJ, MI ESTAS TUTE TRADICIA.
BIP BIP
CLIC CLIC
TIC TAC

